# FANZERANT




## ANONYMOUS,

**ĉu herooj aŭ banditoj? heróis ou vilões?** 4

6 **Iom da Historio kaj Fiziko de Bazopilko**

**Nova jaro, nova vivo! Ano novo, vida nova!** 2

Jaro 4 / Ano 4
Numero 07 / Número 07
Pouso Alegre - Poŭzalegro
Minas-Ĝerajso - Minas Gerais
Brazilo / Brasil
Decembro / Dezembro - 2013



# Nova jaro, nova vivo!

**Luna M. Silva - Portugalujo**

**Nova jaro, nova vivo!**” ĉu vi ne ofte aŭskultas ĉi tion? Iuj hazarde aŭdas, sed ne aŭskultas ĝin, ne sciante do ĝian veran signifon. Fakte kaj ĉi-okaze, estas tempo por ĝisi al la jaro du mil dek tri (2013) kaj saluti la novan jaron du mil dek kvar (2014), kiu baldaŭ frapos la pordon kaj sen alia elekto, oni lasos ĝin eniri. Kio ĵus pasis, tio estas pasinto. Gravas nun la prezenco, la estanteco, la tempo, kiun ni nuntempe vivas.

Reprenante la aferon, ĉu vi prikonscias kion **signifas** la supre menciitan esprimon? Kion ĝi ja povas signifi? Laŭlitere, ŝajnas vivi tute alian vivon, malsaman al tiu, kiun oni vivas. Kompreneble, ne estas tiel, sed parte ja estas. Kiam komenciĝas nova jaro, komenciĝas ankaŭ nova vojaĝo, kiu alportas certe defiojn, tamen oni emas malneglekti la pasintecon, ĉiam zorgante pri trenantaj problemoj, kaj ne vivi aŭ profiti ŝancojn, kiujn la vivo mem ebligas nuntempe.

Provi **ŝanĝi ion** en sia vivo, oni nepre devas, kaj tio estas la unua paŝo. Ĵeti ŝtonojn en la puton estas tempo perdita. Se oni volas ĵeti ion tien, preferinde oni ĵetu negativecon, malbonajn kutimojn kaj ĉion, kio malpermesas onin pretiĝi por onia vojaĝo.

Esperanto estas bona influo **en ĉies vivo**, ĉar ĝia povo trafas ĉiun, kiu interesiĝas pri ĝi, ĝin lernas, ĝin studas memstare (aŭ ne), ĝin instruas, kaj ĉefe ĝin vivas. Militoj kaj armilpafoj sufiĉas. Kiam oni esperante “pafas” la lingvon, oni estas pafanta pacon, harmonion inter ĉiuj, kunigon, interkompreniĝon, ktp. Tiel estu onia vivo, onia vojo, profitante la ŝancojn donatajn kiel eble plej multe kaj kune vivi kun Esperanto.

FANZERANTO

Numero / Número 7 - Ano 4
Decembro / Dezembro - 2013

Direktoro/diretor: Fábio Roberto Silva
Diagramado/diagramação: Lumo Artes Empreendimentos
Helpantoj / colaboradores : Maria Antônia Sobral kaj Jader Rodrigues da Silva
Ankaŭ helpis nin en ĉi tiu eldono: Luna M. Silva, Ralph Anon, Barry Friedman kaj Leo Olivarbo.
Monsubtenanto - Imobiliária Santanna - Pouso Alegre
Fanzeranto estas sendependa organo; la opinioj de niaj kunlaborantoj ne ĉiam spegulas la niajn. Fanzeranto é um orgão independente; as opiniões de nossos colaboradores não são necessariamente as nossas.
esperanton@gmail.com



# Ano novo, vida nova!

**Luna M. Silva - Portugal**

"**Ano novo, vida nova!**" não costumas ouvir isto frequentemente? Alguns ouvem por acaso, mas não escutam, não sabendo o seu verdadeiro significado. De fato e, já agora, é tempo de dizer adeus a dois mil e treze (2013) e saudar o novo ano dois mil e catorze (2014), o qual baterá à porta brevemente e, sem outra alternativa, deixar-se-á entrar. O que passou é passado. Importa agora a situação presente, o presente, o tempo que atualmente vivemos.



Trazendo de volta o assunto em questão, tens consciência do que **significa** a expressão acima referida? O que é que de fato pode significar? Literalmente, parece que é viver totalmente uma outra vida, diferente da qual se está a viver. Obviamente que não é assim, mas em parte é. Quando começa um novo ano, começa também uma nova viagem, que traz certamente desafios, contudo tem-se tendência a dar importância ao passado, a preocupar com problemas que se arrastam e a não viver ou aproveitar as hipóteses que a própria vida disponibiliza presentemente.

Deve-se com certeza **tentar mudar algo** na nossa vida, e esse é o primeiro passo. Estar a lançar pedras para dentro do poço, é uma perda de tempo. Se, se quer atirar algo para lá, de preferência que se atire negativismo, maus costumes e tudo aquilo que nos impeça de ficarmos preparados para a nossa viagem.

O Esperanto é uma boa influência **na vida de todos**, porque o seu poder atinge todo aquele que se interessa por ele, que o aprende, que o estuda sozinho (ou não), que o ensina e, principalmente, que o vive. Chega de guerras e disparos de armas. Quando em esperanto se "dispara" a língua, está-se a disparar paz, harmonia entre todos, união, compreensão recíproca, etc. Que assim seja a nossa vida, o nosso caminho, aproveitando as possibilidades dadas o mais possível e viver em comunhão com o Esperanto.

Numero / Número 7 - Decembro / Dezembro - 2013



# Anonymous

## ĉu herooj aŭ banditoj?

*Ni estas la anonimuloj. Ni estas legio. Ni neniam pardonas. Ni neniam forgesas. Atendu nin.*

**Ralf Anom - Nederlando**

Se vi uzas interreton nur por eniri Facebook-n, legi retmesaĝon kaj babili ĉe MSN, terminoj kiel surfaco, deep web kaj Wikileaks ne estas tre konataj de vi kaj probable vi nur sciis pri Anonymous pere de ĵurnaloj.

Anonimuloj estas personoj kun menso trans la epoko en kiu ili naskiĝis; ili scias, ke ili estos taksitaj en la nuntempa indiferenta socio; ili protektas sin mem kaj la personojn kiuj ŝategas la anonimecon. Kelkaj el ili partoprenas grupon kiu volas, ke la informo ne estu limigata, ne restu nur mane de tiuj, kiuj retenas la povon.




La historio ekis en 2003, sed nur en 2008 la "Anonymous" aperis kiel ĉefaj raportoj sur la unuaj paĝoj en ĵurnaloj pro amasaj iniciatoj kaj atakoj, organizitaj laŭ anarquia strukturo pere de interreto. La nomo de la grupo aludas ĝeneralan terminon uzata en forumaj afiŝoj cele nomi iun, kiu ne volas identiĝi kaj ĝi firmiĝis kiel "grupa nomo" kiam la partoprenantoj de la forumo pri bildoj 4chan decidis kunordige agi en web, nomante sin "Anonymous".

La grupo, komence konsiderita kiel "nur kelkaj nenionfarantaj", kreis 'aŭron' ĉirkaŭ la potenco de 'anonima amaso', kiu povus inciti, pere de iniciatoj ne identigitaj en la virtuala mondo, verajn ŝanĝojn en diversaj lokoj sur la terglobo. Tiel, abunde uzante la maskon de Guy Fawkes (tiu popularigita per la filmo V el Venĝo), estiĝis grupo tre organizita, malgraŭ la ŝajna malorganizado, kiu funkcias sen identigita estraro, tamen kiu sukcesas realigi centralizitajn agojn, nome 'operacoj'. Plej ofte, tiuj operacoj estas atakoj kiel DDoS - Distributed Denial of Service, aŭ agoj kiuj ekspluatas breĉojn en sekureco de retejoj.

La plej famaj operacoj de la grupo estas la "Avenge Assange", kiu celis venĝi por Julian Assange, ĉefo de Wikileaks; la "Payback", kiu forigis retejoj-servilojn de RIAA e MPAA, asocioj kiuj reprezentas muzik- kaj kinindustriojn de USONO; kaj la Sony Operacio, longedaŭra batalo kontraŭ Sony reprezalie pro la persekuto al la hakero GeoHot. Kaj unu el la plej famaj minacoj estis la invado al Facebook.

Do, se vi estas kontraŭ la libereco en interreto, atentu, la Anonymous povas esti tre proksima de vi.



# Anonymous

## heróis ou bandidos?

*Nós somos os anônimos. Nós somos uma legião. Nós nunca perdoamos. Nós nunca esquecemos. Nos aguarde.*

**Ralf Anom - Holanda**

Se você apenas usa a internet para acessar seu Facebook, ler e-mail e bater papo no MSN, termos como surface, deep web e Wikileaks não são tão conhecidos por você, é provável que você só deve ter ouvido falar no Anonymous através dos jornais.

Anônimos, são as pessoas com mente à frente do tempo na qual nasceram, sabem que serão taxados na sociedade alienada atualmente, protegem a si próprios e as pessoas que amam o anonimato. Alguns deles fazem parte de um grupo de desejam que a informação não seja restrita, não fique apenas nãos mãos daqueles que detenham o poder.

A história começou em 2003, mas apenas em 2008 os Anonymous ganharam as manchetes de jornais devido a iniciativas e ataques em massa, organizados em uma estrutura anárquica por meio da internet. O nome do grupo faz alusão a um termo genérico usado em postagens de fóruns para designar alguém não deseja se identificar, e ganhou força como "nome do grupo" quando os participantes do fórum de imagens 4chan resolveram fazer ações coordenadas na web, identificando-se como "Anonymous".

O grupo, incialmente considerado como "apenas alguns desocupados", criou uma 'aura' em torno do potencial de uma 'massa anônima', que poderia incitar, através de iniciativas não identificadas no mundo virtual, mudanças reais em diversos locais do globo. Assim, utilizando largamente a máscara de Guy Fawkes (aquela popularizada pelo filme V de Vingança), formou-se um grupo altamente organizado, apesar da aparente desestruturação, que funciona sem liderança identificável, mas consegue realizar atividades centralizadas, chamadas de 'operações'. Na maioria das vezes, essas operações são ataques do tipo DDoS - Distributed Denial of Service, ou atividades que exploram brechas de segurança de sites.

Entre as mais famosas operações do grupo estão a "Avenge Assange", que visava vingar Julian Assange, líder do Wikileaks, a "Payback", que derrubou os servidores dos sites da RIAA e MPAA, entidades representativas das indústrias de música e cinema dos EUA, e a Operação Sony, uma extensa batalha travada com a Sony em uma retaliação pela perseguição ao hacker GeoHot. E uma das mais famosas ameaças que é a invasão do Facebook.

Então se você é contra a liberdade na internet, fique de olho, os Anonymous podem estar bem perto de você.

NI ESTAS ANONIMULOJ. NI ESTAS LEGIO. NI NENIAM PARDONAS. NI NENIAM FORGESAS. ATENDU NIN

# Iom da Historio kaj Fiziko de Bazopilko

**Barry Friedman - Usono**

Bazopilko estas tre populara en Usono, sed ĝi ankaŭ estas ludata en multaj landoj. "Besuboru" jam prosperis dum ĉirkaŭ jarcento en Japanio kaj la "homu ran" estas parto de la japana kulturo tiel same kiel sumoo, kabuko, kaj suŝio. Bazopilko estas ankaŭ tre populara en la Pacifika-randaj orient-Aziaj landoj, Kanado, Kubo, Dominikana Respubliko, kaj Karibea regiono.

## Iom da Historio

Bazopilko, kiel Usono mem, evoluis el Brita deveno en unikan kaj sendependan institucion. La origino de bazopilko venis el neformala formo de la Angla sporto kriketo nomita "rondkuro", kiu estis ludata en la nordamerikaj kolonioj tiel frue kiel meze de la 18-a jarcento. La ludo jam estis nomita "bazo-pilko" en libro por infanoj el 1744.



Usonanoj ekludis bazopilkon per neformalaj ludantaroj, uzantaj lokajn regulojn, en la frua 19-a jarcento. Dum la 1860-aj jaroj la sporto, nerivalita je populareco, jam estis vortpentrita kiel la "nacia distraĵo" de Usono.

Alexander Joy Cartwright (1820 – 1892), el NovJorko, inventis la modernan bazopilkan kampon en 1845. Alexander Cartwright kaj la anoj de lia Novjorka Knikerboka Bazopilka Klubo elpensis la unuajn regulojn kaj reglamentojn por la moderna ludo de bazopilko.

La unua registrita ludo de bazopilko okazis en 1846, kiam ties ludantaro

malgajnis al La Novjorka Naŭopa Bazopilka Klubo. La ludo okazis ĉe Elsian Fields en Hoboken, Nov-Ĵerzejo. En 1858, la Nacia Asocio de Ludantoj de Bazopilko formiĝis. En 1869, la Cincinatiaj RuĝŜtrumpoj fariĝis la unua salajrita bazopilka ludantaro. En 1871, la unua profesia bazopilka ligo, la Nacia Asocio de Profesiaj Bazopilkaj Ludantoj, establiĝis. En 1876, la unua ĉefa ligo, la Nacia Ligo, formiĝis. En 1878, Frederick Winthrop Thayer, de Masaĉuseco, kiu estis kapitano de la bazopilka klubo de Harvard Universitato, ricevis patenton por bazopilka kaptanto-masko. En 1884, la unua Bazopilka Mond-Serio estis ludita. En 1885, Usona prezidento Grover Cleveland malakceptis inviton ĉeesti ĉefligan ludon, dirinte "Kion vi imagas, ke la Usona popolo opinios, se mi malŝparos mian tempon per iro al bazopilka ludo?" Li malgajnis la elekton en 1888 al Benjamin Harrison, kiu pli malfrue fariĝis la unua en-ofica prezidento ĉeesti ĉefligan ludon.

Franklin D. Roosevelt diris al bazopilka komisiito Kenesaw Mountain Landis dum la dua mondmilito, ke bazopilkaj ludoj devas daŭri. Landis, do, rapide pligrandigis la nombron de nokt-ludoj, por ke fabrik-laborantoj povus ilin vizitadi.



## Iom da Fiziko

La ĵetanto staras malpli ol 20 metroj for de la batanto kaj ĵetas la pilkon je rapido de proksimume po 40 metroj je sekundo. Dum ĉi tiu tempo, la pilko falas vertikale, el sia "rekt-linia" vojo, je proksimume 1.2 metroj. Aldone, pro la kudraĵoj sur la pilko, estas konsiderinda aer-rezisto, kiu tuŝas ĝin kaj ŝanĝas ĝian vojon kaj vertikale kaj horizontale. Por pligrandigi ĉi tiun efikon, la ĵetanto ofte metas ekstran turniĝon al la pilko. La pilko, do, kutime faras proksimume 20 rotaciojn dum sia vojo. Pro ĉi tio, la pilko povas moviĝi ĉirkaŭ 44 centimetrojn horizontale el sia "rekt-linea" vojo. Kaj la pilko faras la plimulton de ĝia horizontala moviĝo dum la lasta kvarono de la vojo! Oni ankaŭ konsideru, ke malpli da tempo pasas por la pilko vojaĝi ĉi kvaronan vojon ( proksimume 1/6 da sekundo) ol la tempo, kiun la batanto bezonas por antaŭen-svingi la batilon (proksimume 1/5 da sekundo). La batanto, do, devas komenci sian antaŭen-svingon antaŭ ol la pilko komencas montri multan horizontalan moviĝon.

Se la batanto misjuĝas la rapidon de la pilko, lia antaŭen-svingo estos aŭ tro frua aŭ tro malfrua. Kaj se li misjuĝas la alton de la pilko, lia antaŭen-svingo estos aŭ tro alta aŭ tro malalta. Pro ĉi tio, la batado de bazopilka pilko estas tiel malfacilega!

Unu el la plej bonaj batantoj iam estis Ted Williams. Pri la batado de bazopilka pilko li diris, "La batado estas 50% super la ŝultroj." Kaj Yogi Berra, unu el la plej amuzaj ludantoj iam diris, "90% de bazopilko estas mensa kaj la cetero estas fizika!" Nepre ambaŭ pravis!


Filo, kelkfoje vi timigas min...
Ne aŭdacu timi min, aŭ mi fortranĉos vian brakon!
Leo Olivarbo